


# PEDAGOGIA REVUO

OFICIALA ORGANO
DE TUTMONDA ASOCIO DE
GEINSTRUISTOJ ESPERANTISTAJ
T. A. G. E.

9-a JARO, N-ro 11/12 NOVEMBRO/DECEMBRO 1930

## Tarifo de la abonprezoj.

| Landoj | Prezoj | |
|---|---|---|
| Angla | ŝil. | 3 |
| Argentina | pes. or. | 2 |
| Aŭstria | ŝil. | 5 |
| Belga | belgoj | 5 |
| Brazila | milr. | 5 |
| Bulgara | lev. bulg. | 100 |
| Ĉeĥoslovaka | kron. ĉeĥ. | 25 |
| Dana | kronoj d. | 3 |
| Estona | est. kr. | 3 |
| Finnlanda | mark. finl. | 30 |
| Franca | frankoj fr. | 18 |
| Germana | mark. or. | 3 |
| Greka | draĥmoj | 54 |
| Hispana | pesetoj | 4,5 |
| Hungara | kronoj or. | 4 |
| Itala | liroj ital. | 15 |
| Japana | jen. | 1,5 |
| Jugoslava | dinaroj | 40 |
| Litova | lid. | 7,5 |
| Latva | lat. | 4 |
| Nederlanda | gulden. | 2 |
| Norvega | kron. norv. | 3 |
| Pola | zlot. | 6 |
| Portugala | skud. | 15 |
| Rumana | lev. rum. | 150 |
| Rusa | kop. oraj. | 1,50 |
| Sveda | kron. sv. | 3 |
| Svisa | frank. sv. | 4 |
| Usona | dolaro | 1 |

Abonon por Int. Ped. Revuo sendu en nacia mono per registrita letero plej-eble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1.— M por la germ. asocio, kaj 3.— M por Int. Ped. Revuo) al „Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer". Girokasse Leipzig-Leutsch, Girokonto 27.857, membroj de la saksa asocio al k-go Schönherr, ĝiro Dresden 30.560, poŝtĉeko Dresden 112.617.



## Agentoj de TAGE.

**Vian kotizon akceptas:**

**En landoj:**

| | |
|---|---|
| Angla: | F-ino Morton, 49 Mount Pleasant Rd., Dalton, Huddersfield. |
| Aŭstra: | Fr. Kurtisch, Sechshauser Str. 71, Wien XIV, poŝtĉekkonto B 72487. |
| Belga: | Prof. Paul Bouts, école norm. cath., Eirlemont. Poŝtĉekk. 118656 Thienen. |
| Bulgara: | Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono. |
| Ĉeĥoslovaka: | Albin Neuzil, lernejestro Olomouc-Neredin. |
| Ĉila: | E. Herrera Valen, Clasificator 220, Santiago. |
| Estona: | Agnes Nii, Postkast 6, Tallinn. |
| Franca: | M. Boubou, 96 rue St. Marceau, Orléans-Loiret. |
| Germana: | Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer, ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857. |
| Greka: | D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno. |
| Hispana: | Ferd. Montserrat, str. Villarroel 107, 2a, 2a, Barcelona. |
| Hungara: | Librejo de H. E. S. L. (Bleier Vilmos) Ujpest, Virag--utca 9. |
| Japana: | Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1. |
| Java: | K. Wirjosaksono, Klaten. |
| Jugoslava: | Svetislav S. Petroviĉ, Beograd, Kosmajska 47, stan. 4. |
| Latva: | S-ino O. Juŝen, Riga, Ernestines iela 7 dz. 11. |
| Litova: | A. Prapuolenis, mok., Kazlu-Ruda. |
| Nederlanda: | P. Korte, Hoofd der School, Drieborg (GR). poŝtĉekkonto: 90544. |
| Norvega: | Nils Okland, Rommesveit. Stord. |
| Pola: | K. Majorkiewicz, Czersk-Pom., poŝtĉeka konto: PKO 202100 (Poznan). |
| Rusa: | Centra Komitato de Sov. Esperant. Unio (SEU), poŝtkesto 630, Moskvo. |
| Sveda: | Ernfrid Malmgren, Heleneborgsgatan 6 Stockholm, poŝtĝiro 50304. |
| Svisa: | S-ino N. Oumansky, 4 Petites Delices, Ĝenevo. |
| U. S. A.-a: | David R. Metzler, Route 1, Box 389, Fresno, Califor. |

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

9-a jaro. Numero 11/12
Nov./Dec. 1930

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: D-ro KURT RIEDEL, Am Fuchsberg 2, Dresden A 20, Leubnitz-Neuostra.
Administr.: KARL KRÖBER, Weststr. 4, Riesa/Elbe, Germ., Poŝtĉekk. Dresden 110715
Sekretariejo de TAGE: M. GOLDBERG, Im Lumbsch, Oetzsch b. Leipzig, Germ.
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME, 21 Glenalmond Road, Sheffield, Anglujo.



## Pri celoj kaj metodoj de la Esperanto-instruado.

(Daŭrigo kaj fino. — Vidu IPR 1930, paĝo 43.)

### Metodoj.

Ekzistas multego da lingvoinstrumetodoj. Oni povas diri, ke **ĉiu** havas krom bonaj flankoj ankaŭ iujn mankojn, ĉar — estas jam aludite pri tio — ĉiu lernantaro postulas specialan traktadon. Kio por iuj estas tre taŭga, por aliiuj montriĝas maltaŭga aŭ neaplikebla. Oni povas dividi tiujn metodojn jene:

1. **sintezaj** — kiuj konsideras la lingvon kiel ligaĵon el apartaj vortoj laŭ reguloj („leĝoj"), kaj montras, el kio tiu ligo konsistas kaj kiel oni ĝin arte **konstruas** (ekz. la metodo de Ollendorf);
2. **analizaj** — imitaj metodoj eliras — male — el pretaj lingvoproduktoj, tekstoj, igante la lernantojn sklave imiti ilin (met. de Toussaint-Langenscheidt, Rosenthal k. a.);
3. **metodoj de senpera kunligo** de la lingvoimagoj kun la objektimagoj laŭ ekzemplo de la lernado de la gepatra lingvo (ekz. la met. de Berlitz, la serioj de Gouin);
4. **metodoj perantaj** inter la konstruaj-imitaj kaj la senperaj-„naturaj": a) **ekstremaj-radikalaj**, plej eble evitantaj la tradukadon de la lernata lingvo en la gepatran (la met. de Schweitzer-Simmonot, Walther), b) **moderaj-kompromisaj**, libere aplikantaj la tradukadon de novaj fremdlingvaj esprimaĵoj.

Plej ĝenerale uzataj kaj rekonataj ests nuntempe en lingvoinstruistaj rondoj la metodoj radikale perantaj; kelkloke ili estas ŝtate aprobitaj kaj

oficiale rekomenditaj. Kaj ŝajnas, ke la moderna psikologio per multaj favoraj faktoj kaj konstatoj estas helpinta al ĝia nuna reganta situacio. Krome, ĉar la radikala peranta metodo estas efektiva **laborlerneja** metodo, ĝi estas vere konforma al la nuntempa instruado en kursoj kaj lernejoj, — dume la sintezaj kaj analizaj metodoj ofte tre sukcese estas aplikeblaj en lerniloj por memstudantoj.

La ekstrema celo de laborlerneja lingvometodo estas tre klare formulita de konata franca lingvisto: la lernanto atingu gradon, kie li kapablos ĉion legi, ĉion kompreni tiel, ke nenio el la penso de la aliulo restu nerimarkita de li, kaj, aliaflanke, ĉion esprimi, ĉu buŝe aŭ skribe, tiel, ke nenio el lia penso restu nerimarkita, — tiu ĉi celo efektive ne estas atingebla en la nuntempaj lernejoj rilate fremdlingvojn, **escepte Esperanton!** La laborlerneja metodo estas kvazaŭ kreita por ĝia instruado.

Ni resumas: La laborlerneja metodo penas tute eviti la gepatrolingvon, volante dekomence ligi la penson senpere kun la fremda esprimaĵo. La aliaj metodoj (ĉefe bazitaj sur tradukado) konstruas sur la konoj de la lernanto pri la gepatra kaj aliaj lingvoj kaj ili dependas multrilate de antaŭprepara laboro gramatika, tradukado kaj klarigado per la gepatra lingvo. Malmultaj instruistoj, pledantaj por laborlerneja metodo, estas tiom ekstremaj, ke ili rezignas de ĉioma uzado de la gepatra lingvo, same neniu bona instruisto, uzanta kutime iun malrektan metodon, rezignu de la uzado de rimedoj por atingi senperan unuigon de penso kun fremda parolo. La fundamentoj de nuntempe rekomendinda lernejmetodo estu do:

a) fonetikaj ekzercoj, dekomence kun sufiĉe da aŭda kaj buŝa laboro;
b) la antaŭado de la buŝa laboro al la skriba;
c) legado de fremdlingvaj tekstoj, je malmulta atento rilate la tradukadon;
ĉ) indukta ellaborado de la gramatikaj reguloj laŭ sistemo, en kiu la ekzemploj antaŭas la regulon;
d) ĉiam pli oftiĝanta kaj vastiĝanta uzado de la fremda lingvo kiel rimedo de la instruado;
e) la legata teksto estas la centro de la instruado kaj bazo por ekzerco-laboroj, kvankam ankaŭ objektoj kaj bildoj estas libere uzataj, precipe je la komenca grado.

---

# Pensoj pri „Lernejo en Esperanto".

D-ro Kurt Riedel, Dresden.

En sia artikolo „Ĉu utopio?" (Heroldo de Esperanto, 11. julio 1930) sinjoro I. Lejzerowicz proponas fondi „lernejon en Esperanto". Li deziras, ke esperantistoj esprimu sian opinion pri tiu afero, kiu „valoras penon". La plej grava parto tekstas jene:

„Ni fondu modernan edukan instituton, en kiu vivus kaj studus geknaboj el ĉiuj landoj. Ĉiuj lernobjektoj estu tie instruataj kompreneble en Esperanto. La instituto devus stari sub oficiala protekto de nia movado, aŭ ĝi

devus esti aranĝo de UEA, kiu en sia vasta programo serĉas ja ĉiujn eblajn praktikajn vojojn por realigo de nia celaro. Se ni revas pri enkonduko de Esperanto en la pli grandajn universitatojn de la mondo, kial ni ne apliku la samon rilate al moderna edukejo kun Esperanto kiel instrulingvo, laŭ modelo de similaj nacilingvaj institutoj ekzistantaj en Francujo, Svisujo ktp., kien fremdlandanoj volonte sendadas siajn infanojn? Ĉu ne troviĝus esperantistoj, kiuj siajn gefilojn sendus en tian Esperantan edukejon, gvidatan de spertaj kaj fidindaj pedagogoj? Ĉu Esperanto ne taŭgas por tio?"

La artikolo finiĝas jene: „Kaj kio povus esti pli monumenta, pli manifestanta por nia movado ol starigo de simila lernejo, kiu plej bone pruvus la civilajn kaj kulturajn valorojn de nia movado?"

La aŭtoro mencias, ke tia internacia lernejo „estas ja nur antaŭpaŝo al universitato Esperanta". Tiun planon pritraktis ankaŭ profesoro Novljan (Zagreb/Prag) okaze de vizito dum lasta somero en Nürnberg (vidu Heroldon de Esperanto, 26. septembro 1930). Kelkaj gazetoj bavaraj raportis detale pri tio sub la surskribo: „Dugrada lernejo Esperanta en Nürnberg?" Laŭ la raporto en „Heroldo" profesoro Novljan parolis pri „Altlernejo en Esperantujo". Laŭ pedagogia vidpunkto la du proponoj (duagrada lernejo Esperanta kaj altlernejo en Esperantujo) estas pli diversaj ol sinjoroj Lejzerowicz kaj Novljan verŝajne opinias, tiel diversaj kiel mondlingvo kaj mondhelplingvo. Altlernejo Esperanta estus starigebla per sufiĉa mono, duagrada lernejo Esperanta ne estus starigebla en nia tempo eĉ per multa mono. La spiritaj kondiĉoj estas tute malsamaj en la du proponoj.

Tasko de universitato estas, peradi konojn kaj metodojn sciencajn; tasko de unua- kaj duagradaj lernejoj estas, kulturadi junajn homojn. En ambaŭ institutoj ja gejunuloj estas instruataj, sed en ĉiu de tiuj kazoj „instruado" havas alian signifon.

La kialon de tiu diverseco ni serĉu en la rolo, kiun la lingvo ludas en perado de sciencoj kaj kulturado de juna homo. Kiam ne-matematikisto legas en primatematika libro, verkita en lia gepatra lingvo, li ne komprenas la sencon; la egalan konstaton ni povas fari rilate al prikemia, prifizika, priteknika, primedicina verkoj. Multaj el ili estas skribitaj jam en lingvo duone internacia. Preskaŭ nur la vortfinaĵoj estas ankoraŭ nacilingvaj. Alia estas la rolo de lingvo, se iu legas pri historia, sociologia aŭ filozofia temoj, kaj tute alia, se li legas poetan verkon. Por kompreni prihistorian, prisociologian, filozofian aŭ poetan verkojn, la leganto devas plenmezure scipovi la tutan lingvon, en kiu ĝi estas skribita.

Same necesas, scipovi la lingvan tutaĵon, se pedagogoj volas kulturadi junularon. La tutaĵo de lingvo ne estas staplita en vortaro. La tutaĵo de lingvo ne estas sumo el vortoj. Lingvo vivanta estas ega procedo de signifigado kaj komprenado. La nomoj de konkretaĵoj (objektoj, vivaĵoj, figuroj, tempomezuroj, videblaj procedoj) estas facile tradukeblaj el unu lingvo al alia; malfacile estas, traduki vortojn, kiuj signifas nevideblajn procedojn (ekz. klerigo) aŭ ion nur penseblan (ekz. nacio). Kiam ni kulturas junan homon, tiam nia tasko ĉefe estas, helpi al li, profunde kompreni la signifojn de vortoj, kiujn li aŭdas kaj legas en sia socia medio, precipe de vortoj, kies enhavo estas nek videbla nek palpebla. Pli frue ol Esperantujo ne estos reala socia medio, ankaŭ ne estos ebla la Lernejo Esperanta. Universitato Esperanta estos ebla pli frue ol duagrada lernejo Esperanta; ĉar kelkaj sciencoj jam

baldaŭ estos internacia afero. Latina vortaro estis ja ankaŭ la ilo, por instrui sciencojn en universitatoj Eŭropaj, kiam en la reala socia medio de la studentoj la lingvo latina estis delonge mortinta.

Jam en la 16-a kaj 17-a jarcentoj Vives kaj Komensky, grandaj majstroj de la pedagogio Eŭropa kaj pioniroj de la ideo mondlingva, postulis, ke la infanoj estu instruataj unue en sia gepatra lingvo — en epoko, kiam la latina lingvo regadis ankoraŭ la kulturan vivon Eŭropan. Kion Komensky postulis por junularo ĝis la dekdua jaro, tion la moderna pedagogio devas postuli por junularo ĝis la deksesa jaro, nome: la gepatra lingvo estu la ĝenerala instrulingvo!

Kiu sendus siajn infanojn hodiaŭ en duagradan lernejon Esperantan, tiu agus kiel viro, kiu detranĉus junajn arbojn supre de la radiko kaj metus en sablon.

Se fremdlandanoj sendas siajn infanojn en franclingvan instituton, la situacio estas alia ol ĉe la plano de Lejzerowicz: Ekzistas franca kulturo, ne ekzistas Esperanta kulturo! Eble en estonta tempo kreskos kulturo Esperanta. Kulturo estas kreaĵo de pluraj generacioj. Junularo povas sinformadi p o r estonta kulturo, sed neniam p e r estonta kulturo, ĉiam nur per ekzistanta aŭ ekzistinta kulturo. Kiu sendus sian filon en lernejon Esperantan nuntempe, tiu donus al li ne panon, sed ŝtonojn.

Fondo de duagrada lernejo Esperanta estus hodiaŭ nura „robinsonado“. Tia lernejo estus insulo sensocia. Tia planaĵo danĝerigas la aferon mondhelplingvan en pedagogaj rondoj. Tion spertis jam esperantistoj en Sovetio. Legu la artikolon „Bona instruo por nia aktivularo“ en „Bulteno de centra komitato de Sovetrespublikara Esperantista Unio“ n-ro 8/9 1930! La aŭtoro diskutas la grandan artikolon de la ukrainia popolkomisaro de popolklerigo N. Skripnik, titolitan „Ĉu Esperantigo ĉu ukrainigo“. N. Skripnik konstatis, „ke en kelkaj lokoj de Ukrainio Esperantigo de lernejaro estas k o n t r a ŭ m e t a t a al ukrainigo ĝia, ke esperantistoj, propagandante Esperanton, prezentas ĝin kiel liberiĝon je la naciaj lingvoj, kiel a n s t a t a ŭ o n de naciaj lingvoj per unu sola lingvo, lingvo internacia.“

Laŭ la »Bulteno« li „detale traktas la problemon de sennaciismo, de sennacieca kulturo, kontraŭmetata al kulturo n a c i a. Li diras, ke en burĝaj landoj antaŭ revolucio nacia kulturo estas kulturo burĝa, kiu prezentas bazon por potenco de burĝaro; post proleta revolucio radikece ŝanĝiĝas la esenco kaj la signifo de nacia kulturo; la kulturo fariĝas nacia laŭ la lingvo, laŭ la formo, sed esence ĝi estas proleta, socialisma; la celado, preteriri la fakton de ekzistado de la lingvo, la lingvo de milionoj, la celado transsalti senpere al la unueca lingvo — estas absolute nereala kaj neĝusta; la realuloj, la praktikuloj de socialisma konstruado havas antaŭ si la taskon, doni al milionoj de la proleta klaso sciojn, devigi ilin ĝis iniciatemo, ĝis partopreno en socialisma konstruado, kaj tio estas farebla nur per lingvo, en kiu tiuj milionaj amasoj parolas; kulturo internacia estas tiu, kiu venigas al scio kaj klasbatalo milionojn da laboruloj; neniom valoras la kulturo, kiu estas fermita por laboruloj; nia kulturo estas kulturo de la partoprenado de milionaj laborulamasoj en socialisma konstruado; tial esperantista teorio pri sennacieco kaj pro sennacieca esperantista kulturo, kontraŭmetata al nacia kulturo de milionaj laborulaj amasoj, estas reakcia, falsa kaj kontraŭbatalenda.“

En tiuj vortoj estas vera kerno: La kulturo fariĝas nacia laŭ la lingvo.

Estas tre rimarkinde, ke la moderna Ukrainio ne akceptas la rusan lingvon, sed forte flegas evoluigon de la aparta lingvo. La decido de la Ukrainia popolkleriga Popolkomisario, kontraŭstari enkondukon de Esperanto en lernejon, se Esperanto danĝerigas ukrainigon, estas nur komprenebla el la historia situacio de la ukrainia nacilingvo. La esperantistaro sovetia timas, ke la opinio de Skripnik havos negativan influon sur la disvolvon de Esperanto-movado en Ukrainio. La »Bulteno« skribas penteme: „Ni estas kulpaj, ke ni ne konigis vaste nian koncepton pri Esperanto, kiel h e l p a lingvo internacia, al sovetia socio, ke ni ne kontraŭbatalis necesagrade la propagandon de Esperanto kiel unueca lingvo tutmonda, kiel anstataŭanto de naciaj lingvoj.“ . . . „Ni kulpas, ĉar ni allasis en nia praktiko intermikson de terminoj »nacia kulturo« kaj »naciisma kulturo«. Ni kulpas . . .“

Mi timas, ke ankaŭ la propagandistoj de duagrada lernejo Esperanta devos diri: ni kulpas, ke la pedagogaro rifuzas Esperanton.

Pli grava tasko staras antaŭ ni: ni pretigu nin por la tago, en kiu Esperanto estos deviga fako en ĉiuj lernejoj. Ĉu estas unu lando, kie estas sufiĉa nombro da sufiĉe preparitaj geinstruistoj? Ĉu jam ekzistas scienceca gramatiko de Esperanto? Ĉu ekzistas didaktiko pri Esperanto-instruado?

Laŭ mia opinio ni bezonas unue t u t m o n d a n s e m i n a r i o n d e E s p e r a n t o - i n s t r u i s t a r o. Tiel unue estu semata la semo antaŭ rikoltado. Ni nombras ja pli ol 6 000 esperantistajn geinstruistojn, sed nur malgranda parto el ili plene scipovas Esperanton. Kiel la tuta Esperanto-movado tiel ankaŭ la geinstruista Esperantismo estas plejmulte ankoraŭ diletanteca. Se rapidkurso sufiĉus, por fari Esperanto-geinstruistojn, ankaŭ la tuta Esperanta afero estus nura bagatelo, ne pedagogie konsiderinda.

Tutmonda Seminario de Esperantista Instruistaro havus tri ĉeftaskojn: filologian, didaktikan kaj literaturan. Ĉia filologia tasko ampleksu gramatikon, etimologion, signifologion kaj lingvosociologion. Ĝia didaktika tasko ampleksu lingvopsikologion, instrumetodon kaj aplikadon de Esperanto en la servo de aliaj lernejaj taskoj. Ĝia literatura tasko ampleksu tradukadon de verkoj plej valoraj, reciprokan helpadon ĉe originala verkado kaj kritikadon de Esperanta literaturo je pedagogia vidpunkto.

Mi revas tutmondan seminarion de esperantista instruistaro kiel akademion, konsistantan el gvidantaj, provizoraj kaj korespondantaj membroj. Komence sufiĉus tri gvidantaj membroj, kiuj minimume dum tri jaroj dediĉus sian tutan forton al la seminario. Provizoraj membroj povus esti esperantistaj geinstruistoj, kiuj dum duonjaro dediĉas sian forton al la propra plikvalifikado de sia Esperanto-scipovo. Korespondantaj membroj povus esti antaŭaj provizoruloj kaj famaj esperantistaj scienculoj.

La ĉefa labormaniero estu kunlaborado, ne prelegado.

Liberigu de diletanteco la pedagogan Esperantismon!

———

# Provo de Esperanta terminaro pedagogia kaj psikologia.

En la Julia numero de I. P. R. ni (t. e. la Leipziga grupo de Esperantistaj geinstruistoj) anoncis, ke en tiu ĉi revuo ni publikigos iom post iom la rezultaĵojn de nia laboro pri Esperanta terminaro pedagogia kaj psikologia: Sekvas tiu parto, kiu ĝis nun estas preta. Mi ripetas: ni ne pretendos, ke per nia laboro ni kreis ion tute bonan kaj nepre perfektan; pro multaj kaŭzoj tio verŝajne neniam estos ebla sur tiu ĉi malfacila kampo. Kaj tial mi ankaŭ ree petas insiste: Gekolegoj en la tuta mondo! Turnu al tiu ĉi afero (kies gravecon mi detale priparolis en la supre menciita artikolo) pli ol ordinaran atenton! Subtenu nin per via kritiko! Ĉiu via rimarkigo estos danke akceptata kaj zorge esplorata. Per tiu via helpo ni esperas, doni al nia provaĵo la formon kiel eble plej perfektan.

Paul Bennemann, Leipzig C 1, Tiefe Str. 5.

## Ekscito.

Tiu ĉi vorto nomas en fiziologio kaj psikologio procedon, kiu en organismo kaŭzas fizikan aŭ psikan ŝanĝiĝon (reagon). Ekscito do estas io ekstera, perifera, al kiu sekvas la irito (v. t.) kiel subjekt(iv)a respondo de la organismo. La ekfunkcio de tiu reago dependas de certa minimuma ekscitintenso (malsupra reaglimo). Ankaŭ intenso kaj daŭro de l' ekscito influas la reagon. La kapablo de organismo, respondi al ekscito per reago, estas nomata ekscitеblo. Kontraŭe ekscitiĝemo estas pli ol normala impresiĝemo kaj reagemo je ekscitoj. Ekscito estas akceptata — ordinare — de sensorgano. Ĝi iritas la tie finiĝanta(j)n nervo(j)n. Ĉe la finloko de tiu(j) nervo(j) en la ŝelo de l' cerebro tiu irito kaŭzas modifiĝon de l' konscio, kiun oni nomas sensaco.

Germ.: Reiz  Angle: excitement  France: excitation  Esp.: ekscito.

D e r i v a ĵ o j  k a j  k u n m e t a ĵ o j.

ekscιti: Fari eksciton. — Lumo ekscitas la vidsenson.
ekscitegi: Tre altgrade eksciti.
ekscitadi: Daŭre aŭ ripete eksciti.
ekscita: Eco de tio, kio ekscitas. — Forte ekscita odoro.
ekscitebla: Eco de tio, kio povas esti ekscitata. — Flarsenco estas ekscitebla nur [per odoroj.
ekscitеblo: Vidu supre.
ekscitiĝemo: Vidu supre.
ekscitiĝi: Veni en la staton de ekscititeco. — Lia tuta sentaro ekscitiĝis.
ekscitilo: Ekscitanta fenomeno. — Elektro estas ekscitilo por ĉiuj sensoj.
ekscitagoj: Ĉiuj agoj de individuo sekve de ekscito (precipe de plantoj, ekz. la [sinturno al la lumo).

## Irito.

La irito estiĝas, kiam sekve de aliiĝo en la eksteraj cirkonstancoj (t. e. la ekscito) estas kaŭzata aliiĝo de la procedoj en la vivanta substanco, speciale kiam en ĉeloj kaj ĉelkompleksoj la normalaj asimilaj kaj disimilaj procedoj aŭ iuj partoj en tiuj procedoj plifortiĝas. Irito estas do aliiĝo en la vivanta korpo responde al aliiĝo en la fizika medio.

Al la esenco de la irito apartenas la progresado, t. e. la progresanta kaptado aŭ

kaptiĝo de ĉiam novaj ĉelgrupoj per tiu aliiĝo kaŭzita de la ekscito. La irito estas la fiziologia intermembro inter ekscito kaj sensaco.

Germ. Erregung  Angle: irritation  France: irritation  Esp. irito.

Derivaĵoj kaj kunmetaĵoj.

iriti: Fari iriton.
iritiĝi: Veni en staton de irit-iteco.
iritebla: Eco de tio, kio povas esti iritata.
iriteblo: La kapablo de vivanta substanco, reagi je ekscito.

## Sensaco.

Sensaco estas laŭ intenso kaj kvalito (kielo, speco) determinita konscimodifo, kiun la psiko dependigas de reala objekto kaj rigardas kiel subjektivan sekvon de ekscito, kiun tiu objekto faris al la sensonervoj (centripetaj nervoj). Sensacaĵoj do estas la plej simplaj, la elementaj konsistigaj partoj de tiuj enhavaĵoj de nia konscio, kiuj rilatas al objektoj realaj. — Laŭ fiziologia vidpunkto sensaco estas irito de l' sencocentroj en la cerebra ŝelo, kiu ordinare estiĝas sekve de l' irito de sensonervo (centripeta nervo; komp. la estiĝon de la sensaco sub „irito"). — En la scienco sensaco estas severe distingenda de „sento" (v. t.!). — La intenso de sensaco dependas de la intenso de l' ekscito kaj de la reaga kapablo de l' nervaparato. Laŭ la kvalito (kielo) oni diferencigas: prem-, varm-, malvarm-, dolor-, gustum-, flar-, son- kaj lumsensac(aĵ)ojn. La kvalito de l' sensac(aĵ)o dependas de la kvalito de l' ekscito kaj de la akceptanta sensorgano (vidu: specifa sensenergio).

Germ.: Empfindung  Angle: sensation  France: sensation  Esp.: sensaco.

Noto: La angla kaj franca esprimo „sensation" havas tre variajn sencojn. Precipe ĝi signifas ankaŭ: sensacio (germ. Aufsehen, Tagesereignis). La enkonduko de l' formo „sensaco" bone ebligas, en Esperanto diferencigi inter sensaco kaj sensacio. Cetere sensaco verŝajne vivos nur en psikologia scienco; la ordinara lingvo uzos kredeble anstataŭ ĝi, kiel ĝis nun, la vorton: sento. —

Atentu, ke sensaco estas procedo, sed sensacaĵo la rezultaĵo de tiu procedo, kiu fariĝis enhavaĵo de nia konscio!

Derivaĵoj kaj kunmetaĵoj.

sensaci: Havi sensacon.
sensackapabla: Eco de tio, kio povas sensaci.
sensackapablo: Kapablo por sensaci.
sensacemo: Delikata sensackapablo.
sensacebla: Eco de tio, kio povas esti sensacata.
sensacocentro: Loko en la cerebro, kie la iritoj estiĝas sensacojn.

## Percepto.

Kiam sensacaĵo asociiĝas kun aliaj enhavoj de l' konscio — fiziologie: kiam la irito estas transkondukata el la sencocentroj al la memoro- kaj asociaj centroj — tiam la sensacaĵo fariĝas perceptaĵo. Sensacaĵoj estas kvazaŭ ripozanta krudmaterialo de l' psika agado, perceptaĵoj estas la sama materialo, sed en moviĝo, en laboro. La percepto konsciigas rilatojn inter certaj grupoj de sensacaĵoj kaj eksteraj objektoj. Mi sensacas lumon, sed mi perceptas la sunon (Wundt). — Oni diferencigas:

Ekstera (aŭ sensa) percepto, se la perceptata objekto apartenas al la ekstera mondo;
interna percepto, se la individuo (helpe de tielnomata interna senso) perceptanta samtempe estas la perceptata objekto.

Germ.: Wahrnehmung Angle: perception France: perception Esp.: percepto.

### Derivaĵoj kaj kunmetaĵoj.

percepti: Akiri perceptaĵon.
percepteblo: Eco de tio, kio povas esti perceptata.
perceptkapablo: Kapablo por perceptado.

## Intuo.

Komplekso de perceptaĵoj ĉerpeblaj aŭ ĉerpitaj el unu objekto estas nomata intuaĵo. Ĝi estas des pli perfekta, ju pli la nombro de la entenataj en ĝi perceptaĵoj alproksimiĝas al la sumo de la perceptaĵoj entute ĉerpeblaj el la intuata objekto, kaj ju pli klaraj estas la perceptaĵoj, kiujn la intuaĵo ampleksas. Oni havas intuaĵon ekz. pri sukerpeco, kiam oni vidis ĝian koloron, vidis kaj palpesentis ĝiajn grandon kaj formon, palpesentis ĝiajn malmolon kaj pezon kaj gustesentis ĝian dolĉon. — Se la objekto de l' intuo estas reale antaŭ la sensoj, tiam la intuo estas ekstera; alikaze ĝi estas interna. Ĉi tiu lasta estas parenca al la imago (v. t.), aperas eĉ kiel speco de imago; sed de tiu ĝi diferencas per tio, ke ĉe intuo agas pli vigla intereso, intensa apercepto kaj analizado, pli streĉita atento. — La internaj intuaĵoj povas esti kreitaj:

A) de impresoj de la sensoj,
B) de funkcio de la fantazio:
 1. intuaĵoj korespondaj al la reala mondo (objektivaj intuaĵoj, ekz. pri fremdaj landoj),
 2. intuaĵoj ne korespondaj al la reala mondo (subjektivaj intuaĵoj, ekz. eltrovitaj, revitaj).

Intuo estas la plej alta ŝtupo de ekkono per la sensoj. Ĝi staras ĉe la pordo al la pli alta spirita vivo. El ĝi kreskas la nocioj (v. t.). La intuaĵoj estas la materialo, per kiu laboras prudento kaj fantazio.

Germ.: Anschauung Angle: intuition France: intuition (intellectuelle) Esp.: intuo.

Noto: La formo intuo ebligas diferencigon de intuicio, t. e. ekkono per inspiro.

### Derivaĵoj kaj kunmetaĵoj.

intui: Akiri komplekson de perceptaĵoj el unu objekto
intuiga: Donanta intuojn, ekz. parolado, instruado.
intuigeco: Eco de tio, kio intuigas.
intuaĵaro: La tuto de intuaĵoj, kiujn iu posedas.
intukapablo: Forto de l' intupovo.
intuotipoj: Formoj de la intumaniero, preferata de iu persono ĉe priskribo de objektoj.
intumaniero: Vojo, metodo de l' intuo, karakterizaj por iu.

## Imago.

Imagaĵo estas la bildo de objekto aŭ de procedo en la ekstera mondo, aperanta en la konscio, sen ke la imagataĵo estas efektive antaŭ la sensoj. Imago estiĝas el la percepto — aŭ, en sia plej elementa formo, el la sensaco — kiam la ekscito al la sensoj ne plu efikas. Imagaĵo do estas reproduktita, tre verŝajne ankaŭ preskaŭ ĉiam modifita perceptaĵo aŭ subjektiva kombinaĵo de perceptaĵopartoj.

Germane: Vorstellung Angle: imagination, idea France: image, ideé, Esp.: imago.

Noto: Ne estis facile, por tiu nocio decidi inter la radikoj i m a g - kaj ide-; ĉar ambaŭ estas rekomendataj de la angla kaj franca lingvuzo. Sed elektante la radikon ide- oni devus formi la strangajn vortojn idei kaj ideado; kaj krome ne estus eble, havi la vorton ideo por la uzo de tiu esprimo en la senco de Plato kaj Kant. Tial ni decidiĝis por la radiko: imag-. — Atentu, ke imago estas procedo, sed imagaĵo la rezultaĵo de tiu procedo, kiu fariĝis enhavaĵo de nia konscio!

### Derivaĵoj kaj kunmetaĵoj.

imagi ion (ne: al si!): Revoki al si en la konscion la bildon de objekto aŭ procedo de ekstera mondo.

imag(o)kapablo: Kapablo imagi.

imagaĵaro: Tuto de la imagaĵoj ekzistantaj en la konscio.

imagotipo: La superrego de imagaĵoj el tiu aŭ tiu sensosfero ĉe iu individuo. Ekzistas ĉefe la optika, akustika kaj mova imagotipoj kaj mikstipoj el ili.

## Nocio.

Nocio estas la rezultaĵo de abstraktiganta pensprocedo. Ĝi ampleksas serion de imagaĵoj kvankam diferencaj, tamen havantaj unu aŭ kelkajn komunajn atributojn (ekz. la nocio „kvarpiedulo“ kunigas el la multo de l' bestoj tiujn, kiuj havas kvar piedojn). La nocio estas abstraktaĵo, kaj tial ĝi neniel povas esti intuata aŭ imagata.

Ekzistas:

- Konkretaj nocioj (kies enhavaĵoj estas imageblaj, ekz.: gorilo. El ili estas formataj per plua abstraktigo la genraj nocioj, ekz.: simio).
- Abstraktaj nocioj, ekz.: libereco.

La enhavo de nocio estas la tuto de ĝiaj atributoj. La amplekso de nocio estas la tuto de la objektoj aŭ suborditaj nocioj, kiujn ĝi entenas. Sekve: ju pli granda estas la enhavo de nocio, des pli malgranda estas ĝia amplekso, kaj inverse. (Ekz. la nocio: n a t u r o havas la plej grandan amplekson; sed ĝia enhavo estas nur unu atributo, nome la esto, la ekzisto). — Nocio estas klara, se ĝia enhavo estas konata. Nocio estas distinkta, se ĝia amplekso estas konata. — La pensado per nocioj estas procedo malpli longa kompare kun la pensado per intuaĵoj. La nocioj estas kvazaŭ la papermono, kiun eldonas la psiko. Tiu alegorio estas tre trafa ankaŭ pro tio, ĉar la nocioj estas senvaloraj, se ili ne elkreskis el intuaĵoj. „Nocioj sen intuaĵoj estas malplenaj“ (Kant).

Germane: Begriff Angle: notion France: notion Esperante: nocio.

Noto: La vorto „nocio“ estu uzata speciale en la scienco. Por la ordinara lingvo la ĝis nun uzitaj vortoj: konceptaĵo, abstraktaĵo (kaj eble ankaŭ: komprenaĵo) ankaŭ estonte verŝajne sufiĉos.

---

# Korpekzercoj kiel lerneja fako.

De Elin Falk. Tradukis S. Engholm, Svedujo.

(Daŭrigo.)

La lernantoj en la elementaj kaj mezaj lernejoj devas ricevi ekzercon kaj en naturaj, ĝenerale fortigantaj korpekzercoj kaj en t. n. kompletigaj. La naturaj ekzercoj devenas plejparte de ĉasado kaj batalado de la prauloj, de iliaj laboro, ludoj kaj dancoj. Ĉiu epoko kaj ĉiu popolo komprenebe pli malpli donis sian karakteron al la naturaj ekzercoj. Sed de la pratempo la tipoj ĝenerale estis samecaj. La plej gravaj estas: irado kaj kurado, inkl. ekskursoj; glitumado, skiado kaj glitveturado. Glitado, parenteze, estas ekzerco, kiu bedaŭrinde preskaŭ malaperis el niaj lernejoj, sed ĝi meritas revivigon. Ĝi estas malkare aranĝata, bone efikas kaj precipe evoluigas la balanckapablon, precipe se oni ekzercas ĝin sur deklivglitejoj, se eble kun iu aŭ kelkaj ŝtupoj. Ĉiu lerneja korto en nia vintra lando devus posedi glitejon. Sur ili la lernantoj mem dum la mallongaj paŭzoj inter la lecionoj povus havigi al si gajajn kaj vigligajn korpekzercojn. Al la naturaj ekzercoj apartenas krome danco kaj dancludoj; rampado kaj grimpado, starado kaj irado surmane transkapiĝa rulado kaj aliaj ĉirkaŭruladoj de la korpo; lev- kaj portludoj; luktludoj; naĝo kaj vivsavo kaj fine sed ne laste la ekvilibraj aŭ t. n. balancekzercoj. Balancekzercoj estas la plej efika rimedo por atingi samregadon de ĉiuj korpaj movoj kaj pozicioj, preskaŭ endetale.

Ĉe la randoj de lerneja korto aŭ sportejo estas konvene meti ŝtalŝnuregojn inter trunkoj, 30 ĝis 60 cm. super la tero. Sur tiuj la lernantoj povas iri, kureti ktp., unu el la plej bonaj naturaj korpekzercoj.

La plej multaj naturaj ekzercoj pliigas la substancŝanĝiĝon (= asimilo) en la korpo tre multe, kaj tial ili estas precipe varmigaj kaj moligaj t. n. viglaj ekzercoj, kiuj, iom ekzercitaj, ne postulas grandan penslaboron. Ankaŭ montriĝis, ke ili pli bone ol aliaj korpekzercoj vekas kaj kreskigas ĝojon kaj laboremon ĉe la lernantoj.

Jam en la antikva tempo, precipe dum la florado de Greklando, oni komencis kompletigi la naturajn korpekzercojn per aliaj movoj, kiujn oni persperte trovis esti konvenaj antaŭhelpiloj kaj rimedoj kontraŭ certaj malsanoj kaj kriploj. Simila celado al kompletigo verŝajne ekzistis plu. La plej gravaj el la nuntempaj kompletigaj korpekzercoj estas specialaj teniĝkorektantaj ekzercoj; facilec- kaj ripozekzercoj; ekzercoj kontraŭ nepraktika spirmaniero: ĝenerala labor- kaj ripoztekniko. Ilia ĉefa celo estas plibonigi la naturajn movojn kaj teniĝojn. Ĝenerale ili postulas pli da pensa laboro ol la naturaj, donas malpli da korpmovo, malpli da intereso. Sed ili forte helpas al la naturaj ekzercoj evoluigi certajn, neekzercitajn korpopartojn. La sportistoj uzas ilin por teni sin „en formo".

Al la speciale teniĝkorektantaj ekzercoj apartenas ekz. la gamb-, brak-, kap- kaj trunkmovoj de la gimnastiko. Per ili oni ekzercas aparte unu aŭ kelkajn partojn de la korpo. Tiamaniere oni moligas kaj plifortigas certajn muskolgrupojn, la koncernaj artikoj fariĝas pli moveblaj en dezirata direkto. Tiel oni kontraŭlaboras malbonan korpteniĝon, ekz. kurban,

enfleksitan aŭ oblikvan dorson, platpiedon ktp. Tiu gimnastiko ankaŭ helpas forigi n e n e c e s a n kunigon de ekz. la brakmovoj kun tiuj de la spino. Tio estas grava en nia tempo, kiam malmultaj plenkreskuloj kaj ankoraŭ pli malmultaj infanoj kaj junuloj ne povas movi la manojn antaŭen al iu laboro, sen ke ili samtempe kurbigas la dorson kaj forpuŝas la kapon pli ol necese. Ĉu tio gravas? kelkaj el miaj legantoj eble pensas. Tiu, kiu ekz. longe sidas pli ol necese antaŭenklinite, ĝenerale bezonas pli da forto por teni sian korpon kaj tial pli laciĝas. Se tiu laborteniĝo fariĝas kutimo, ĝi kreas malbonan korpteniĝon. Kaj t i u ĉ i ne nur malbeligas la homon, kiu estas kreita por iri rekte sur du piedoj. Sed ofte ankaŭ okazas, ke la naturo ne povas aliorganizi sin tiel, ke ĉiuj organoj ricevas bonajn kondiĉojn por sia laboro ĉe persono kun malbona korpteniĝo. Se ili ne havas tion, ilia laboro estas ĝenata, kaj malsanigaj ŝanĝiĝoj povas okazi en preskaŭ ĉiuj korpopartoj. Sciencaj esploroj, ankaŭ en Svedio, montras, ke enfleksita dorso ĉe infanoj ne malofte kaŭzas albuminon en la urino. Estontaj esploroj eble montros rilaton inter aliaj malsanoj kaj malbona korpteniĝo.

Al la speciale teniĝkorektantaj ekzercoj apartenas ankaŭ teniĝpozicioj por plej bona teniĝo de la korpo. Oni ekz. instruas la lernantojn kuŝi sur la planko kun ĉiu posta parto de la korpo mole alpremita al ĝi, tute aŭ kiel eble plej multe, tiel ke la korpo streĉiĝas kun la kapo kaj la kalkanoj kiel eble plej malproksime unu de la aliaj. La korespondа teniĝpozicio estas ekzercata ankaŭ side aŭ stare. Plena malo al libera teniĝo estas la soldata pozicio — a n k o r a ŭ multe uzata en niaj lernejoj — kun rekta piedangulo, streĉitaj, eĉ malantaŭen premitaj genuoj, entirita ventro kaj antaŭenpuŝita brusto, forte altirita mentono kaj la brakoj algluitaj al la flankoj.

*

S p e c i a l a j f a c i l e c - k a j r i p o z e k z e r c o j celas instrui la lernantojn fari korpekzercojn kaj korpan laboron kun plej malmulta foruzo da muskolenergio kaj ankaŭ ripozi kun ĉiuj muskoloj kiel eble plej malstreĉitaj. Tre kutime estas ekz. ke lernantoj, kiel la plej multaj neekzercitaj plenkreskuloj, havas la malbonan kutimon sulkigi la frunton, kunmordi la makcelojn, malsuprentiri la buŝangulojn kaj premi la langon al la palato. Precipe dum tre interesa aŭ pena laboro ili ankaŭ haltigas la spiradon. Se iuj el miaj legantoj ĝuste nun suferas de iu el tiuj nomitaj streĉiĝeraroj, li lasu la langon kuŝi mole post la subaj antaŭdentoj, ridetu milde, glatigu mole per unu mano la sulkojn de la frunto, lasu la brakojn fali peze malsupren kaj atentu dum kelkaj momentoj pri libera spirado. Se vi ĝuste faras laŭ mia konsilo, vi sentas vin pli libera, almenaŭ en la gorĝo kaj la brusto, kaj komprenas, kio estas malstreĉiĝo.

Kun tiuj ne necesaj muskolstreĉoj aperas aliaj similaj en aliaj korpopartoj. Tamen aperas streĉiĝoj en tiuj ofte tute sendepende. Tre ordinara estas nenecesa streĉiĝo de la brakoj kaj la supra parto de la trunko. Rimarku ekz. kiel la homoj iras; la plej multaj tenas la suprajn partojn de la brakoj senmovaj kaj iom flirtas per la aliaj partoj; aŭ unu brako estas tute senmova, dum la alia iom balanciĝas; en la supra parto de la trunko neniu movo, eĉ ne turniĝeto. Sekvo de tiu ligiteco estas rigida, puŝeca kaj cetere nepraktika irado. Kontraŭe la irado devas esti nature libera, kun trunko, kapo kaj brakoj per mola balanciĝo partoprenantaj en la movoj de la gamboj.

Ĉe pli junaj lernantoj streĉiĝeraroj ofte estas korektataj per kelkaj gajaj, amikecaj vortoj de la instruisto; se ili krome povas kuri libere dum kelkaj sekundoj sur la ekzercejo, poste same mallonge kuŝi surdorse, fermi la okulojn kaj ŝajnigi dormon, tiam la spirado liberiĝs, la sulkoj en la vizaĝo kaj la streĉitaj kolfaldoj malaperas. Se oni helpas la lernantojn akiri ĝojan, trankvilan internon kaj mole ridetantan eksteron, tiam oni donas al ili fundamenton por ekonomia labormaniero, ne nur dum la lernejaj korpekzercoj sed ankaŭ por la tuta vivo en la lernejo kaj ekster ĝi.

Alifoje eble pli konvenas, precipe por pli aĝaj lernantoj, venki tro streĉitan labormanieron per kelkaj streĉoj kaj malstreĉoj, ekz. kuŝa, sida aŭ stara forta kuntiro de la tuta korpo, tuj sekvata de kiel eble plej plena malstreĉa elruliĝo. La kontrasto inter la malmoleco de la streĉiĝo kaj la moleco de la malstreĉiĝo faras ambaŭ teniĝojn bone kompreneblaj al la lernanto, li lernas mastrumi la fortojn dum laboro kaj malstreĉi ĉiujn muskolojn dum ripozo.

La kompletigaj ekzercoj kontraŭ nepraktika spiradmaniero celas ĉefe forigi la eraron nenecese haltigi la spiradon — oni korektas ĝin per kelkaj suspiraj elspiroj aŭ fortaj elspiregoj. Ankaŭ ekzistas ekzercoj kontraŭ nenecesa perbuŝa spirado, kontraŭ nesufiĉa diafragmospirado ktp.

(Daŭrigota.)

---

# Internacia someraltlernejo de la libersindikataj geinstruistoj.

La profesia sekretariejo de geinstruistoj en IGB okazigis en tiu ĉi somero en Paris-Suresnes la duan altlernejon, kiu estis vizitita de ĉirkaŭ 170 geinstruistoj el 6 nacioj. En la mezpunkto de la laboro staris la diskuto de la problemoj pri „unueca lernejo" sub la vidpunkto de unuopaj landoj. Malgraŭ ĉiuj taktikaj diversecoj estis gvidanta la libersindikata socialista ideo, la volo al la liberigo de la proletarianoj el la katenoj de la burĝa klerigo. Parolis Dr. von Brakken (Germanio) pri la psikologiaj supozoj de la „unueca lernejo", studkonsilanto Viehweg (Germanio) pri „unueca kaj profesa lernejo". Jadot (Belgio) pritraktis la demandojn de la „socia signifo de la unueca lernejo". Glöckel (Vieno) vortpentris la „Vienan lernejreformon" sub gvido de la socialdemokratio. Profesoro Zoretti (Francio) pritraktis la demandon de la „kunlaboro de lernejo kaj gepatra domo".

En venonta jaro la somerlernejo okazos en Hamburgo.

AFLD.

---

# Ĉefkunveno de la Norvega Instruista Asocio.

Kompilita laŭ raporto en Allgemeine Deutsche Lehrerzeitung, n-ro 40, 1930.

900 jaroj pasis post la mortigo de Olav Haraldson, nuna nacia sanktulo, la fondinto de la norvega ŝtato. Ankaŭ la norvega instruistaro aranĝis memorfeston, dum kiu kolego Anders Todals montris en sia festparolado la signifon de la nacia sanktulo. Du sentojn profunde enradikiĝintajn en la koro de ĉiu Norvego vekas la rememoro al Sankta Olav: la nacian kaj la religian. Nacia kresko kaj kristana vivo ne povas esti

disigataj sen grava malhelpo al la norvega popolkomuno. Pro la naŭcentjarfesto la norvega instruista asocio okazigis sian ĉefkunvenon la 7-an kaj 8-an de aŭgusto en Nidaros. Kiel kutime la kunsido estis malfermata per diservo. En la ĉefa punkto de la tagordo la parolanto postulis aktivan celkonscian batalon kontraŭ la misuzo de alkoholo. La kunveno decidis, peti de la eklezio-departemento aldonon de ordonoj en la novan seminario-leĝon, kiuj efiku, ke la junaj instruistoj sufiĉe estas preparataj por poste eduke labori sur la kampo de la alkoholproblemo en kaj ekster la lernejo. Ankaŭ kursoj por instruistoj por la sama celo estu aranĝataj.

Per granda plimulto kolego Kirkushmo — post likvido de akra konflikto inter la du prezidantoj de la landa instruista asocio kaj la nova asocio de Oslo — estis reelektata kiel prezidanto.

En la asocio ekzistas du gazetoj: Skolebladet kaj Norsk Skoletidende. La kunveno traktis la demandon, ĉu la asocio povas fondi propran organon kun deviga abono. La estraro donos sian konsenton sub la kondiĉo, ke la jarkolekto estas altigata de 12 ĝis 15 kronoj. Decido ne okazis, sed la estrâro estis komisiata, ankoraŭfoje trakti la problemon kaj prepari ĝin por decido en la venonta kunveno. Same la decido pri la projekto de instruista domo en Oslo estis prokrastata ĝis la venonta delegitarkunveno. Unuanime oni decidis la aliĝon al Federacio Internacia de Asocioj Instruistaj.

La kunveno montris el ĉiuj ĝis nun okazintaj la plej multnombran viziton. Antaŭ 38 jaroj la asocio estas fondita en Trondhjem kaj havas nun 607 distriktasociojn kun 7480 membroj. 2000 instruistoj ankoraŭ staras ekstere de la organizo; krome 2000 instruistinoj, kiuj siatempe fondis apartan unuiĝon, ĉar ili opiniis siajn interesojn ne sufiĉe reprezentitaj en la landa asocio. Hodiaŭ la situacio laŭvide ŝanĝis: Inter 10 membroj de la estraro estas 4 instruistinoj.

# Jarkunveno de holanda instruista asocio.

Kompilita laŭ raporto en Allgemeine Deutsche Lehrerzeitung, n-ro 42, 1930.

Het Nederlandsch Onderwijzers Genootschap okazigis fine de julio en Deventer sian 84-an jarkunvenon. La malferma parolado de la prezidanto I. Bon estis akra plendo kontraŭ la registaro pro la nesufiĉaj salajroj de la instruistaro. La budĝetaj enspezoj kreskis de jaro al jaro kaj superis 1929 per 40 milionoj da guldenoj la antaŭtaksitan etaton, en la unua duonjaro 1930 per 17,5 milionoj. La sumo de la ŝparitaj elspezoj dum la lastaj kvin jaroj estis 260 milionoj da guldenoj, en kiu grandparte enestas la mono kontraŭrajte rifuzita al la instruistaro. Speciale granda mizero trafas la junan kolegon. Lia jarsalajro de 1350 guldenoj (1 guld. = 1,68 germ. m.) malaltiĝas ankoraŭ por instruisto sub 21 jaroj je 100 guld., en malgranda urbo je 8% kaj por pensiokaso 8⅓%, ke fine la efektiva salajro estas 1052 guld. jare, t. e. 87 guld. monate. Stratpurigisto ricevas pli altan salajron ol instruisto. La instruista centralo, t. e. la unuiĝo de la plej multaj instruistaj asocioj, faris la modestan salajro-postulon de 1800 ĝis 3800 guldenoj kaj la forigon de la 8⅓%-a pensiokotizo. Tiu postulo ne atingas la salajro-leĝon el la jaro 1920, kiu donis 2200 ĝis 4500 guld. Sed ankaŭ tiun proponon la registaro ne volas konsenti.

En Holando ekzistas konsilantaro de oficistoj, kiu konsistas el reprezentantoj de la registaro kaj de la diversaj oficistaj grupoj. Malgrandaj unuiĝoj de malmultaj miloj da membroj tie povas akceli siajn interesojn. Sed la instruistaro kun pli ol 30 000 samprofesianoj ne estas reprezentita en tiu konsilantaro. (En la Aldono pri Eksterlando de Leipziger Lehrerzeitung, februaro 1930, ni legas, ke apartenis al tiu konsilantaro ĉiuj 7

instruistaj asocioj, sed eliĝis ĉiuj — escepte la Bond van Onderwijzers — pro nekontentigaj rezultoj. G.)

La ĉefkunveno diskutas kaj decidas pri proponoj, kiuj multnombre estas senditaj de la distriktaj unuiĝoj. Komisiono ricevis la taskon, ekzameni la instruplanon kaj decidi, ĉu kaj en kiu maniero ĝi estu korektata aŭ kompletigata, ĉar la sukcesoj speciale en la lingva instruo estas kritikataj de diversaj flankoj. En la holanda instruistaro evoluiĝas forta simpatio al Esperanto. La kunveno rekomendas al la registaro, enkonduki Esperanton kiel nedevigan instruobjekton en la popollernejon. La plej grandan amplekson okupis la diskuto pri la raporto de komisiono pri la rilato inter ŝtata kaj eklezia lernejo. Precipe temis pri klarigo de la nocio neŭtraleco en la instruo. La redaktoro de Schoolblad kontraŭmetis al la rigora neŭtraleco, la idealo de Bond van Onderwijzers, la relativan neŭtralecon, kiu ne volas tute rifuzi religiajn objektojn, kaj ĝenerale povas esti konsiderata kiel postulo de la Genootschap. Plena klariĝo el la temperamenta diskuto ne rezultiĝis. Fine la kunveno deklaris, ke ĉefa tasko de la asocio estas, ĉiam kaj ĉie kaj per ĉiuj fortoj akceli la publikan ŝtatan lernejon kiel solan nacian instru- kaj edukinstitucion.

(Kiu sendas raporton pri la Bond van Nederlandsche Onderwijzers? G.)

---

## La danaj geinstruistoj postulas inspekton per fakulo.

La lernejo estis en Danujo ofte nomata „la filino de la eklezio", kaj vere ekzistas ankoraŭ multaj homoj, kiuj opinias, ke la interligo de la lernejo kun la eklezio devas restadi nelimigita. Nuntempe tiu ĉi interligo ekzistas tamen pli teorie ol en la praktiko. En ĉiu komunumo urba aŭ vilaĝa troviĝas publikaj popollernejoj, kiujn inspektas loka lernejestraro. En la loka lernejestraro la protestanta paroĥestro estas aŭtomate ano kaj en la kamparo eĉ estro; do li en la vilaĝaj lernejoj faras inspektadon, kiam li deziras. Por ĉiu regiono ekzistas supera lernejestraro de 3 membroj, kies prezidanto estas la ĉefpastro de la regiono. Li do ankaŭ inspektas la lernejojn. Fine la episkopoj havas la rajton kaj devon inspekti, almenaŭ en la vilaĝoj. En la teorio do la dana popollernejo estas multe inspektata de la diversaj ekleziaj aŭtoritatoj, sed en la praktiko la nuna inspekto tute ne estas efektiva. La plimulto de la pastroj ne estas trudemaj kaj nur inspektas tre afable okaze de la ĉiujara ekzameno; ili sentas, ke mankas al ili la morala rajto ŝajniĝi pedagogia aŭtoritato. Nur treege malofte la ĉefpastroj kaj la episkopoj inspektas. Efektive en la urboj preskaŭ neniam okazas eklezia inspekto, kaj entute oni povas diri, ke la nuna inspekto estas en certaj interrilatoj sufiĉe agrabla; ĉar ĝi ĝenas neniun. — Tamen la geinstruistaro nun postulas novan kaj fakan-pedagogian inspekton. Antaŭ nelonge la reprezentantaro de la dana Geinstruista Asocio sendis al la instruministero deziresprimon pri nova inspekto. Ĉar kelkaj geinstruistoj protestis kontraŭ tio, oni tiam aranĝis ĝeneralan voĉdonon inter la membroj de la asocio. Hieraŭ publikiĝis en la gazetaro la rezultato. 4612 membroj (76% de ĉiuj voĉdonintoj) apogis la ĉefestraron, dum 23,99% aŭ 1456 kontraŭstaris. Tamen nur 50% de la membraro voĉdonis. La prezidanto de la Geinstruista Asocio, s-ro Axel Jensen, Kvandlöse, Holbäk eldiras, ke li estas pri la rezultato tre kontenta, kaj ke la instruministro certe nun prezentos en la parlamento leĝproponon pri faka inspekto. — Do, certe la tagoj de la eklezia inspekto estos baldaŭ finitaj ĉe ni.

Holger Hansen, Holbäk.

# Alvoko.

Ekapero de „PIP“ kaj ĝia organo estas epokfaranta okazaĵo en la pedagogia sfero de Japanujo, kie la burĝa reakcio superregadas tutan priedukadan aferon. Ni bone komprenas gravecon de nia laboro sub burĝa potenco, kaj konas malfacilaĵojn sin altrudontajn al nia tendaro survoje ĝis la fintriumfo de la batalanta proletamaso.

Malgraŭ ĉio malhelpema, ni devas ne nur provi precize kaj detale kritiki reakcieman edukadon sub nuna kapitalisma regado japana, sed ankaŭ devas ekkoni ĉiuspecajn faktojn kaj provojn de diverslandaj edukadaj sferoj.

Ĉar ni bezonas, pro tio, multege da diversflankaj materialoj koncernantaj al edukado, elkore tial ni petas al vi, avangardaj eduklaboristoj, kaj studentoj en la tuta mondo, ke vi helpu nian klasecan laboron, aŭ per korespondo aŭ per alsendo de koncernaj materialoj. Viaj helpoj, kiaj ajn, estos alte ŝatataj de ni, kaj, profitante ilin, ni povos pli taŭgigi nian organon por la bono de efektivigo de la nova edukado proletara.

Ni havas jenajn sekciojn por studado en PIP, kaj tial, sciigoj pri kiu ajn el ili estos utilaj al ni.

1. Pedologio. 2. Edukado de antaŭlernejaj infanoj. 3. Edukado de lernejaj geknaboj. 4. Edukado de junularo. 5. Ŝtata sistemo pri edukado. 6. Pedagogia teorio. 7. Edukado en Kolonio. 8. Pionirmovado. 9. Studentmovado. 10. Sindikato de eduklaboristoj. 11. Edukado en USSR.

Plu informoj pri jenaj temoj estas ankaŭ dezirataj:

a) Vivstato de eduklaboristoj. b) Provoj kaj rezultatoj de proletara edukado. c) Kulturado de estontaj edukistoj. ĉ) Strikoj en lernejoj. d) Malkaŝo de ĉiaj reakciaj aferoj en edukada sfero.

El „Proleta Instituto Pedagogia“,
Sept. 1930.

Nia adreso estas la jena:
Proleta Instituto Pedagogia, Zinboocho-Buil., Kanda, Tokio, (Japanujo).

# Internacia Cseh-Instituto de Esperanto,

**Hago (Nederlando), Oostduinlaan 32.**

Telefono: 16720. Poŝtĉekkonto Den Haag 162 626.

**1-a bulteno**
(30-a de septembro 1930).

1. Saluto. — La Instituto samideane salutas ĉiujn Esperantistojn kaj ĉiujn Esperantistajn organizaĵojn kaj tutkore proponas sian helpon al ili por la pli rapida disvastigado de Esperanto.

2. Konsilantoj. — Por la Instituto estas granda honoro havi kiel Konsilantojn la jenajn altestimatajn samideanojn:

Prof. Pierre Bovet, direktoro de la Instituto J. J. Rousseau, Ĝenevo,
Prof. Odo Bujwid, profesoro ĉe la Universitato de Krakovo,
Prof. W. E. Collinson, prof. de filologio ĉe la Universitato de Liverpulo,
Dipl. inĝ. Karl von Frenckell, konsulo de Finnlando, Dresden,
Prof. Th. Cart, prezidanto de la Esp.-Akademio, Parizo,
Rektoro Sam Jansson, Stokholmo,
D-ro Edmond Privat, Territet,
S-ro Ed. Stettler, prezidanto de UEA, Berno,
D-ro Felikso Zamenhof, Varŝovo,
D-ro Felikso Zamenhof, Varŝavo,

3. Fondantaj membroj aliĝintaj ĝis la 30-a de septembro 1930: 1. gesinjoroj André de la Porte, Hago, 2. s-ro inĝ. J. R. G. Isbrücker, Hago, 3. f-ino Chr. Offerhaus, Hago, 4. s-ino R. van Wulfften Palthe-Broese van Groenou, Hago, 5. Esp. Societo „Fine Ĝi Venkos“, Hago.

4. Subtenantaj membroj aliĝintaj ĝis la 30-a de septembro 1930: 1. Prof. O. Bujwid, Krakovo, 2. f-ino J. E. Krieger, Hago, 3. f-ino A. M. Gobiet, Papendrecht, Nederlando, 4. s-ino Adele Köppl, Reichenau bei Gablonz, Ĉeĥosl., 5. s-ro J. J. Fraser, Heemstede, Nederl.,

6. s-ro F. Archer, Hobart, Tasmanio, Aŭstralio, 7. s-ro inĝ. Louis Badois, Parizo, 8. s-ino E. Först-Ziedins, Riga.

5. Aktivaj membroj aliĝintaj ĝis la 30-a de septembro 1930: 1. s-ro Tiberio Morariu, Cluj, Rumanujo, 2. f-ino Lizzie Andersson, Orebro, Svedujo, 3. s-ro Henriko Seppik, Tartu, Estonujo, 4. f-ino Elinjo Pähn, Tartu, 5. s-ro prof. Mehmet Hulusi, Aidin, Turkujo, 6. s-ro Ahmet Riya Barudi, kuracisto, Aidin, Turkujo, 7. s-ro dir. Julius Glück, Berlino, 8. s-ro Emil Dauge, Berlino, 9. f-ino Margarete Saxl, Berlino, 10. D-ro F. C. Dominicus, Hago, 11. s-ro Julio Baghy, Budapest, 12. s-ro D. Lissauer, Amsterdam, 13. f-ino Mies Smith, Amsterdam, 14. s-ro J. Schmid, L. K., Bern, 15. f-ino M. Bijleveld, Hago, 16. s-ro P. Hendriks, Leeuwarden, 17. D-ro inĝ. Ottmar Fischer, Stuttgart, 18. f-ino M. Adamková, Waterschei, Belgujo, 19. f-ino Chr. G. Keiser, Hago, 20. f-ino J. E. Krieger, Hago, 21. s-ro Hans Bakker, Amsterdam, 22. s-ro Rudi Wappler, Dresden, 23. s-ro H. J. Blokker, Amsterdam, 24. s-ino C. J. Roskes, Hago, 25. s-ro J. B. B. Dufrenne, Amsterdam, 26. s-ino M. R. Schmidt-Groh, Amsterdam, 27. s-ro S. J. Ysselstein, Schiedam, Nederlando, 28. s-ro Erik Carlén, Yxhult, Svedujo, 29. s-ro H. Bonnevie, Oslo, 30. f-ino Ida Boccasini, Trieste, 31. s-ro E. A. Koot, Utrecht, 32. f-ino W. A. M. van Dyk, Utrecht, 33. s-ro P. van Heyst, Velsen, Nederl., 34. s-ro E. Kauer, Tallinn, 35. s-ro Simon Aarse, Amsterdam, 36. Prof. Otto Simon, Wien, 37. s-ro Douglas P. Boatman, Westcliff-on-Sea, Anglujo, 38. f-ino Alicia Weeks, Londono.

6. Landaj sekretarioj de la Instituto funkcias en la jenaj landoj: Latvujo: s-ro Talivaldo Indra, ĉefdelegito de UEA, Pasta kaste 475, Riga. Nederlando: f-ino J. E. Rikkers, komisiita de L. E. E. N., Ant. de Haenstraat 122, Hago. Norvegujo: s-ro Arne Arnessen, delegito de UEA, Bøndernes Bank, Oslo. Svisujo: s-ro Jakob Schmid, membro de la Lingva Komitato, Müslinweg 2, Bern.

7. Rajtigitaj instruistoj. — Ĝis la 30-a de septembro 1930 la Instituto donis al 21 personoj en 10 landoj rajtigon al gvidado de Ĉe-kursoj.

La rajtigo ne signifas tion, ke la Instituto prenas sur sin respondecon pri la laboro de la rajtigitaj personoj. La Instituto garantias nur pri tiuj instruantoj, kiujn ĝi aparte rekomendas al la kursaranĝantoj.

Personoj dezirantaj ricevi rajtigon aŭ rekomendon bonvolu turni sin al la Instituto.

8. Kursojn gvidas nuntempe (laŭ la informfolioj alvenintaj ĝis la 30-a de septembro 1930): s-ro T. Morariu en Linköping kaj Norrköping, s-ro H. Seppik en Kiruna, f-ino E. Pähn en Lidköping, s-ro W. P. Roelofs en Soest, s-ro A. Wolterbeek en Breda, s-ro D-ro O. Fischer en Stuttgart, s-ro S. J. Ysselstein en Schiedam, s-ro B. Aeltermann en Danzig, s-ro J. Jelenić en Ljubljana, s-ro H. Popper en B.-Kamnitz.

9. Statistiko. — Bezonante ellabori statistikon pri la ĝis nun faritaj Ĉe-metodaj kursoj, la Instituto kore petas ĉiujn, kiuj ĝis nun gvidis tiajn kursojn, ke ili bonvolu peti de la Instituto la statistikajn demandarojn kaj per tiuj ensendi la necesajn informojn. Antaŭan dankon!

10. Kie oni bezonas instruiston? — Tiuj, kiuj deziras aranĝi kurson kaj bezonas instruiston, bonvolu en frua tempo turni sin al la Instituto kaj komuniki siajn detalajn dezirojn pri la tempo kaj pri la persono de la instruisto.

11. Instruistoj estas serĉataj en pluraj landoj. Personoj kapablaj al sukcesa kursgvidado kaj pretaj al tia laboro en eksterlando, bonvolu sendi proponon al la Instituto. Estas postulataj perfekta uzado de Esperanto kaj lerteco en kursgvidado kaj en diversaj propagandaj laboroj.

Hago, la 30-an de Septembro 1930.

La Direkcio.

# La granda libro pri Andrée en Esperanto.

La 25-an de Novembro aperis granda libro samtempe en 11 lingvoj. Por la rajto eldoni tiun libron fiksita honorario devas esti pagata al la fondaĵo (portonta la nomon de Andrée), kiu estas uzota por esploroj en la polusaj regionoj. Malgraŭ la altaj kostoj por presigo de la esperanta eldono, depende de ĝia malgranda kvanto, Eldona Societo Esperanto en Stockholm (adreso: Stockholm I), per ekonomia helpo de svedaj esperantistoj, fiksis tiun entreprenon.

Estas la unua fojo, ke tiel aktuala libro aperas en Esperanto samtempe kun eldonoj en naciaj lingvoj kaj unuafoje ke tiel science gravega libro estas eldonata en Esperanto.

La tradukon pretigis la verkisto Stellan Engholm, konata por la Esperanto-publiko per sia originala novelo „Al Torento", kiu ricevis multan laŭdon.

Ĉirkaŭ 400 paĝojn enhavas la libro. Pri la eleganta kaj pompa aspekto de la dika libro, presita sur bonega papero, kaj pri ĝiaj multaj interesaj bildoj oni unuavide konvinkiĝas.

Inter la bildoj estas kelkaj, kiujn prenis Andrée mem kaj liaj kamaradoj, kaj kiuj nur nun estas rivelitaj kaj pretigitaj (post 33 jaroj en la glacio). Prezo: 9 kr. sved. (nebind.), 11.50 kr. sved. (bind.) + 0.50 kr. por afranko.

Mendu tuj, ĉar la eldonkvanto ne estas granda.

Ernfrid Malmgren.

---

# Esperanto-Asocio de Saksaj Instruistoj.

**Ĉefkunveno, 1. Nov. 1930 en Döbeln.**

Tutmonda kolegaro certe interesiĝas pri la ĉefkunveno de l' saksa instruistaro, la plej forta membro de TAGE. Ĉeestis ne nur multaj anoj de nia unuiĝo, sed ankaŭ reprezentantoj de aliaj Esperanto-asocioj. Oni vidis la prezidantojn de la Germana Esperanto-Asocio, de la Esp.-Asocio de germanaj instruistoj, de la Saksa Ligo kaj la vicprezidanton de UEA. Ankaŭ partoprenis la direktoro de Germana Esperanto-Instituto Prof. D-ro Dietterle, kaj la konataj lernejaj inspektoroj, supera lerneja konsilisto D-ro Kraner kaj lerneja konsilisto D-ro Trögel.

Prezidanto Hahn unue donis jarraporton. Malgraŭ la mizeraj financaj cirkonstancoj la Saksa Ministerio subtenis la unuiĝon per 250.— gmk. ankaŭ la pasintan jaron. La Saksa Instruista Asocio pliigis la subvencion de 300 ĝis 800 gmk. Fakaj gazetoj kaj kalendaro raportis regule pri nia movado. La Pedagogiaj Institutoj en Dresden kaj Leipzig instruas nian lingvon. La pacan saluton de l' infanoj de Wales respondis ankaŭ multaj saksaj gelernantoj. Per Esperanto oni interŝanĝis instruistojn kaj studentojn. Ĝis nun 162 saksaj instruistoj faris Esperanto-ekzamenon. La asocio kreskis de 380 ĝis 416. Tamen ĉiam denova varbado necesas, ĉar multaj Esperantaj kolegoj staras ankoraŭ ekster nia rondo. Statistiko de Prof. D-ro Dietterle konstatas, ke ekzistas

6261 Esperanto-instruistoj en 61 landoj,
kaj ke Esperanto estas instruata de
869 lernejoj en 38 landoj.

Laŭ opinio de prez. Hahn nia afero pli bone kreskus en kolegaj rondoj, se laŭ la modelo saksa la Esperanto-instruistoj alilandaj grupiĝus en apartajn sekciojn (meze) en la grandaj naciaj instruistaj asocioj.

Dum la debato s-ro Schönherr instigis, ke instruistaj partoprenantoj de Ĉe-kursoj aliĝu al TAGE. Oni akceptis ĉi-tiun proponon kaj decidis, publikigi varban artikolon en IPR, kiu post multobligo estu sendota al niaj tutmondaj anoj kiel varbilo.

Antaŭ la baloto por estraro s-ro Hahn deklaras, ke pro sia sanstato li estas for-

donanta la prezidantecon. La kunvenintaro aŭdis tion kun granda bedaŭro. Tutkore kelkaj kolegoj dankis al li pro lia sindona kaj sukcesplena laboro. Jen la adiaŭo de kol. Degen al prez. Hahn: (En germana lingvo la nomo »Hahn« signifas »koko«)

Ni havas akran kokon
en Esperantoland'.
Ofte sekvis ni la vokon
de l' brava klarkantant'.
Li faris novan ordon
en nia saksa nest',
parolis saĝan vorton
dum kelka varbo-fest'.
Sed kion ni honoras
en adiaŭa hor',
kaj kio kokon gloras?
Viviga hejmlabor'.
Kokreĝo nun eksiĝis,
kaj ĉesis la regad',
la hejmo liberiĝis
de zorgoj kaj penad'.
Kaj kie en la hejmo
klakadis la maŝin',
jen brilu krisantemo
al koko kaj kokin'!

Granda aplaŭdo pruvis, ke ĉiuj alte ŝatas la »kokon«. Emociita per tia ovacio, s-ro Hahn dankis al la ĉeestantoj. Laŭ propono de s-ro Schneller oni elektis unuanime kolegon Kröber-Riesa kiel novan prezidanton. Prezidinto Hahn instigas, ke estonte ĉiu laboru tiel fervore en nia movado, kvazaŭ li estus la prezidanto mem.

**Saksa Esperanto-Instruistaro al la gekolegoj tutmondaj.**

Ni transdonas al vi la raporton pri la ĉefkunveno de la Saksa Asocio de Esp.-Instruistoj, el kiu vi bonvole ekkonu la bonegan situacion de Esperanto en la saksa instruistaro. Ne kredu, ke tiu favora pozicio estas hazarda bonŝanco kaj kreskis el si mem. Ĝi estas la rezulto de kelkjara energia organiza laboro de sindonemaj kaj oferemaj samideanoj. Ni povas supozi, ke aliaj landoj ankaŭ montros similajn fruktojn post organizo de s i a j Esperanto-instruistoj.

Kie ne ekzistas landa instruista Esperanto-societo, tie la unuopaj samideanoj ofte kaj baldaŭ malaperas el la movado. Landa instruista Esperanto-societo estas magneto, kiu kolektas kaj kreskigas la unuopajn fortojn, kaj nur tiam, kiam en multaj diversaj landoj evoluiĝos instruistaj Esperanto-sekcioj, ni havos respektindan tutmondan unuiĝon TAGE. Ni insiste petas, uzu nian raporton laŭ via bontrovo, konigante ĝin al viaj kolegoj, aperigante resumon aŭ tradukon en via instruista fakorgano, klopodu organizi la Esperanto-kolegojn en naciaj unuiĝoj kaj aligu ilin al TAGE.

Bonvolu aŭskulti tiun duan alvokon de la

Saksa Asocio de Esperanto-Instruistoj.

*

Nun Prof. D-ro Dietterle faris paroladon pri Universalaj organizacioj de l' Esperanto-movado kaj niaj fakaj organizacioj.

Kelkaj de la unuaj adeptoj estis kontraŭuloj de ĉiu organizacio. Ili kredis je la venko de Esperanto per si mem. Tamen baldaŭ oni sentis necesecon de organizo. Evoluis du specoj de organizacioj — la unuj laboras p e r Esperanto (UEA), la aliaj p o r Esperanto (Naciaj Asocioj, unuigitaj en KR). Ambaŭ partojn oni kunigis en ICK. Nia faka organizacio TAGE laboras tiel kun UEA kiel kun naciaj asocioj, do apartenas al neniu el ili. Ni agas per Esperanto, interrilatante kun gekolegoj tutmondaj. Nia gazeto IPR per nia lingvo priparolas pedagogiajn temojn. Sed ni ankaŭ batalas por Esperanto, varbante en instruistaj rondoj. En modela maniero la saksa Esp. instruistaro servas al ambaŭ celoj. Iam venos la tempo — iam — kiam malaperos ĉiuj organizacioj. Estos la tempo, dum kiu ĉiu parolos krom la nacia lingvo la mondhelplingvon. Por ke tiu tempo venu kiel eble plej baldaŭ, grave estas, ke la instruistaro ne disiĝu pro religiaj aŭ politikaj

aŭ laŭrangaj diferencoj. Je la fino la parolanto instigas kunvokon de Pedagogia Konferenco al Riesa (Saksujo). La kunvenintaro aprobis ĉi tiun proponon. Sed ĉiuj debatintoj postulas kelkjarajn preparojn ĝisfundajn. La Laborkomisiono de TAGE estis komisiata, pritrakti ĉi tiun aferon kaj raporti al la estaro de l' saksa instruistaro. S-ro Hahn nun fermas la kunvenon, dezirante ĉion bonan al Esperanto kaj al la samideanoj. Pruss.

---

## Esperanto progresas inter la instruistaro.

En la lasta duonjaro la instruista Esperanto-movado povis registri kelkajn tre ĝojigajn faktojn, kiuj donas al nia laboro novan fortan instigon:

La 1-a prezidanto de la angla instruista asocio National Union of Teachers (NUT), sinjorino Manning, en du numeroj de la angla instruista gazeto (The Schoolmaster, 14. kaj 21. aŭgusto) detale raportis pri nia TAGE-kunveno en Oxford. Interalie ŝi skribas: „Se la lingvo povas esti uzata — kiel okazis de prof. Collinson —, montri al instruistoj el 20 diversaj landoj, kion ni faras en la anglaj lernejoj, por veki la intereson de la juna generacio pri la celoj kaj idealoj de la Ligo de Nacioj, se tiuj instruistoj ĝuas la eblecon de diskutado, kiel ĝi sekvis la paroladon, se ili povas aldoni raportojn pri tio, kio okazas en iliaj lernejoj en tiu rilato, oni povas vidi, kiom grava asocio TAGE povas fariĝi, se ĝi efike estas organizita. El la raporto pri la riĉenhava, trihora kunsido videbliĝas, ke la membroj de TAGE, kiuj estas konvinkitaj pri la taŭgeco de Esperanto kiel komuna, praktika interkomprenilo, facile povas krei imponan instrumenton por la akcelo de la internaciaj profesiaj kaj edukaj aferoj.“ Tiu tre favora juĝo de la prezidanto de NUT pri Esperanto pro tio estas speciale valora por ni, ĉar sinjorino Manning tute konscie observis la funkciadon de internaciaj Esperanto-kongresoj aŭ kunsidoj kaj komparis ilin kun la netolereblaj malhelpaĵoj, kiujn ŝi konstatis en aliaj internaciaj pedagogiaj kongresoj, ekz. 1929 en Ĝenevo. Tiu preskaŭ oficiala voĉo donas al la anglaj Esperanto-kolegoj bonegan bazon por ilia plua propagando kaj bonŝancon por la evoluo en la angla instruistaro. Sed ankaŭ en ĉiuj aliaj landoj kaj en la internaciaj instruistaj asocioj ĝi trovos seriozan atenton.

Sendepende de tiu grava juĝo la Internacia Profesia Sekretariejo de Instruistoj — ĝi estas parto de la Internacia Sindikata Asocio Amsterdam kaj organizas pli ol 100 000 instruistojn; la ĉefa membroasocio estas la franca instruista asocio Syndicat National kun 80 000 membroj — decidis dum sia ĝenerala estrarkunsido en Paris (aŭgusto 1930) laŭ propono de kolego Lassnigg (Aŭstrio), komisii al la landaj sekcioj la propagandon de Esperanto inter ilia membraro, aranĝon de kursoj ktp., por ke en la venonta jaro dum la kongreso kaj la somera altlernejo (aŭgusto 1931 en Hamburg) la interkompreno povu okazi helpe de Esperanto. La interesan historion de tiu decido ni ekkonas el la Informilo de la IPSI. Jam 1929 en Brüssel venis sama propono, sed ĝi ne estis akceptata, ĉar oni opiniis necesa indulgi la kolegojn, kiuj estis idistoj. Tamen jam la Informilo de Marto 1930 diras en esperantlingva (!) artikolo La Internaciaj Rilatoj: „La simpla kaj rekta vojo estas, sendi al internaciaj kongresoj prefere delegitojn, kiuj scipovas Esperanton. La delegitoj, kiuj Esperanton ne jam lernis, baldaŭ faros tion ekkonante la avantaĝon. Se ni nun komencas la laboron, en malmultaj jaroj ni liberiĝos de la malagrabla kaj multekosta traduklaboro. Eble tiam ankaŭ nia Informilo bezonos aperi nur en unu lingvo, nome en Esperanto“. La Informilo de Junio 1930 komunikas pri la tagordo de la ĝenerala estrarkunsido en Paris, ke por la traktado de la Esperanto-problemo ne estas invitataj Esperanto-organizoj; ke ili

eventuale nur estos petataj, paroli pri la scienca karaktero de tiu lingvo. Do IPSI klopodis tre objektive solvi tiun aferon. Des pli valora estas la menciita decido, propagandi kaj apliki Esperanton. „Freie Lehrerstimme“ (Libera instruista voĉo), organo de la aŭstria sekcio de IPSI, skribas en la oktobra n-ro: „ . . . Kongreso, dum kiu la plejmulto de la aŭskultantaro ne komprenas la parolanton, ne plu okazu. La internacia konferenco en Paris por ĉiuj, kiuj estonte volos partopreni internacian kunvenon, por ĉiuj difinis kiel devon, lerni Esperanton. Jam dum la venonta kunveno en Hamburg Esperanto devas esti konferenclingvo. Ni montros la necesan energion, la necesan disciplinon, ebligi tion. En tiu vintro ni lernos Esperanton. De la 1-a de novembro letera Esperanto-kurso aperos en »Freie Lehrerstimmen«.“

Kun plej granda intereso ni do povas atendi la konferencon en Hamburg. Se la menciita decido estos efektivigata, tio verŝajne estos la komenco de la f i n a v e n k o de Esperanto, ĉar ni povas supozi, ke baldaŭ sekvos la aliaj instruistaj internaciaj asocioj, kiuj same suferas sub la malfacilaĵo de la lingva konfuzo, kiel ekz. kolego Raeppel, la redaktoro de Allgemeine Deutsche Lehrerzeitung (Ĝenerala germana instruista gazeto), konstatis en n-ro 37, 1930 de ADLZ pri Federacio Internacia de Asocioj Instruistaj (FIAI), D-ro Elisabeth Rotten kaj D-ro Ferrière pri Internacia Rondo por Nova Eduko, sinjorino Manning kaj Reinhold Lehmann pri Mondfederacio de Edukasocioj, Prof. Bovet pri Internacia Eduka Oficejo, D-ro Anna Lindemann por Internacio de Eduklaboristoj. Tiu laste nomita asocio jam havas tre fortan interligon kun Esperanto per la angla Teachers Labour League, per Tutmonda Esperantista Pedagogia Servo, per Sennacieca Pedagogia Revuo kaj per Soveta Pedagogia Revuo. Ankaŭ la aliaj nomitaj asocioj jam faris decidojn favore al Esperanto.

La tutregna asocio de ĉeĥoslovakaj instruistinoj „Rišky svaz československých učitelek“ ankaŭ en tiu jaro aliĝis al TAGE. Eble en la venonta jaro ni povos anonci — laŭ la deziro de la TAGE-kunveno en Oxford — la aliĝon de pliaj naciaj instruistaj asocioj!

La jarkunveno de la holanda instruista asocio Het Genootschap kritikis la sukcesojn de la lingva instruo kaj decidis, rekomendi al la registaro la enkondukon de Esperanto kiel nedeviga fako en la popollernejojn.

La kvaronjara bulteno de Internacia Eduka Oficejo en la julia n-ro 1930 raportas pri la prefera rolo, kiun atingis Esperanto en la laboroj de International Auxiliary Language Association (IALA), pri la internacia Ĉe-kurso en Arnhem, la ĉefkunveno de Germana Asocio de Esperanto-Instruistoj, la laboro de samideano Bennemann por internacia pedagogia fakvortaro, legolibro de Gladstone Solomon „Esperanto por infanoj“.

La prezidanto de la norvega sekcio de la Internacia Rondo por Nova Eduko, sinjorino Anna Sethne, kaj la norvegaj instruistaj asocioj en junio 1930 aranĝis Ĉe-kurson, kiun partoprenis 90 personoj, inter ili 43 geinstruistoj, kaj kiu havis — kiel kutime — bonegan sukceson kaj efikon.

Kolegoj, fortigu TAGE-on per via aliĝo kaj varbado de novaj kaj malnovaj samideanoj. Forta instruista Esperanto-asocio kun bona internacia fakgazeto Internacia Pedagogia Revuo plej profunde impresas la publikon kaj plej facile ebligas la propagandon de Esperanto inter la diversaj rondoj de la internacia instruistaro. Atentu la opinion de la prezidanto de la angla instruista asocio:

K i o m i m p o n a i n t e r n a c i a i n s t r u m e n t o povas fariĝi la Esperanto-instruistaro, se ĝi estas efike organizita! Ĉiu Esperanto-instruisto agu laŭ tiu tre prava juĝo, aliĝante al

Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

kaj senlace varbante por ĝi.

**La venonta numero aperos la 15-an de januaro 1931.**

**Preso: Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Str. 94, Germ.**